## LA URBO POR LA 31-a IFEF-KONGRESO




Turku (svede Åbo) estas la plej malnova urbo en Finnlando. Ĝis 1812 ĝi estis ankaŭ la ĉefa urbo de administrado de la lando, en antaŭaj jarcentoj de la orienta parto de la sveda reĝlando kaj inter 1809-1917 de la grandduklando apartenanta al la rusa imperio.
En la pasinteco la ĉiuspecaj rilatoj kun la ĉeflando Svedujo determinis la rolon kaj signifon de la urbo, kvankam ankoraŭ la senperaj komerco kaj trafiko kun eksterlando, ekzemple kun la Hansaj urboj, donis impulsojn al kresko kaj progreso. Krome, la lerneja kaj universitata influo multe stimulis la evoluon de la urbo. En 1326 la unua "katedrala" lernejo de la lando estis fondita en Turku, kaj en 1640 la unua universitato estis kreita.
Tamen, en la jaro 1827 la plej granda incendio en la historio de la urbo detruis esencan parton de la urbo, i.a. la universitatan bibliotekon kun ĝiaj valoregaj kolektoj. La furiozan fajregon defiis la du historiaj konstruaĵoj, kiu ankoraŭ nun servas kiel simboloj de la urbo: la Katedralo kaj la Kastelo. Ambaŭ havas siajn originojn en la frua mezepoko, sed estis multfoje pligrandigitaj kaj restaŭritaj.
Alispecan restaĵon el la tempo antaŭ la granda incendio prezentas la kvartalo de Luostarinmäki (Klostra Monteto), kie konserviĝis malgrandaj lignaj domketoj de tiatempaj metiistoj kaj etburĝoj. Nuntempe ĉi tiu kvartalo servas kiel Metiista Muzeo. El la konstruaĵoj antaŭ la incendio menciindas ankoraŭ la Malnova Akademia Domo (konstrujaroj 1802-15), servanta nuntempe kiel sidejo por la Apelacia Kortumo de Turku kaj por la Departementa Administracio. En ĝi troviĝas impona Solenejo, el arkitektura vidpunkto konsiderata kiel la plej bela festsalono en la lando.
Nuntempe Turku estas vigla urbo kun multflanka aktiveco en industrio, komerco, instruado kaj trafiko. Ĝia haveno kun ŝipfarejoj kaj dokoj servas al granda pasaĝer- kaj vartrafiko tra la tuta jaro. Por la fervoja internacia persontrafiko la ŝiplinio Stockholm-Turku estas la plej grava interligilo kun finnlanda relreto. Koncerne la instruadan aktivecon oni povas mencii, ke la urbo nuntempe posedas kvar altlernejojn, kies plej granda, la "Universitato de Turku" (finnlingve: Turun Yliopisto) ampleksas 6 fakultatojn kun 9.700 studentoj. Nia kongresejo "Itituuri" kun la studentaj domoj, servantaj kiel somera hotelo, situas sur la "kampo" de la Universitato.
El turisma vidpunkto oni devas memorigi pri la vastega arkipelago, etendiĝanta suden kaj okcidenten de la urbo kaj ofertanta idiliajn kondiĉojn por feriado kaj akvsporta aktivado. Dum la duontaga ekskurso (II) en la kongresa programo oni povas ricevi ioman impreson de tia insularo kaj de la akva/tera panoramo.

---

## IOM PRI FINNLANDO

Ofte oni aŭdas ke Finnlando estas malgranda. La mapo kontraŭas tiun aserton. La areo de Finnlando estas 337.009 km². Laŭ tiu mezuro, Finnlando estas la 5-a lando de Eŭropo. Tamen ĝi havas nur 4.700.000 loĝantojn (1969). La plej multaj vivas en la sudo kaj centro. La nordo kaj Laponio estas maldense loĝataj. La naturo kaj klimato multe varias. Vastaj arbaroj de piceoj, pinoj kaj betuloj kovras la plej multon de la lando. Lagoj estas pli ol 60.000, kaj ofte formas longajn tranavigeblajn lagoĉenojn. Miloj da belaj, ofte dezertaj insuloj etendiĝas laŭ la marbordo. En la nordo la vintro estas longa kaj malvarma. Sed en somero la tagoj estas longaj kaj sun

plenaj. Generale la somero favore kompareblas kun tiu de la norda kaj centra Eùropo.

Popolo: La finnoj enmigris de Estonio kaj de pli sudorientaj regionoj inter la jaroj 100 kaj 800 p.K.. Ilia lingvo estas parenca de la estona kaj hungara, kaj apartenas al la finno-ugra familio. Enestas malplimulto (7%) de svedparolantoj, kaj Finnlando estas oficiale dulingva. Kelkaj miloj da laponoj vivas en la nordo.

Historio: Finnlando fariĝis sendependa ŝtato en 1917. De post jarcentoj ĝi estis nacio kun sia propra karaktero. La Deklaracio de Sendependeco nur konfermis faktan evoluon. En 1917 jam ekzistis la institucioj de memstara nacio - parlamento, naciaj administrejoj, ktp.. Dum jarcentoj Finnlando apartenis al la reĝolando de Svedujo, kaj estis ofta batalejo inter oriento kaj okcidento. En 1809, post milito inter Svedujo kaj Rusujo, Finnlando fariĝis grandduka lando de la rusa caro. Ĝi akiris sian propràn konstitucion, administraron, armeon kaj monon. La finnoj komencis konscii pri sia eco de nacia popolo, kaj la forta nacia vekiĝo naskis renesancon de la artoj kaj de ĉiuj formoj de kultura esprimado. Tuj post la Rusa Revolucio la finnoj deklaris la sendependecon de la lando, je la 6-a de decembro 1917. La soveta registraro agnoskis tiun deklaracion jam en la sama monato, je la 31-a de decembro.

Dum la pasintaj 61 jaroj de sendependeco la finna lando kaj popolo spertis similajn sortobatojn kiel la plejmulto de eùropaj landoj. Ĝi devis defendi sian liberecon sur batalkampo kaj klopodi por trovi ĝustan vojon en la politika labirinto. En 1948 estis subskribita la Traktaton inter Finnlando kaj Sovetunio pri amikeco kaj reciproka helpo. Cetere Finnlando sekvas politikon de amikeco kun ĉiuj nacioj, kaj tenas sin for de la konfliktoj de intereso inter la potencblokoj. Ĝi nutras siajn skandinavajn tradiciojn kaj kunlaboron inter la nordaj landoj. Finnlando aliĝis al la Unuiĝitaj Nacioj en 1955 kaj estas membro de EFTA de post 1961.

Regado kaj administrado: Finnlando estas respubliko kun unuĉambra parlamento. La 200 parlamentanoj estas elektataj ĉiun kvaran jaron per ĝenerala voĉdonado, laù sistemo de proporcia reprezentado. La leĝdona rajto apartenas al parlamento, kies fidon la registraro devas ĝui. Ekzistas 10 politikaj partioj, el kiuj tamen la duono estas malgrandaj kaj relative sensignifaj. Laù la Konstitucio la Prezidanto de la Respubliko estas elektata ĉiun sesan jaron fare de speciala Deputitaro elektita per publika balotado. La Prezidanto havas larĝan potencon, precipe pri eksterlandaj aferoj. La nuna Prezidanto, d-ro Urho KEKKONEN, estas elektita el 1974 por kvara periodo.

---

## INVITO AL 2-a SUNA-MARA INTERNACIA FERIO - SEMAJNO

La Esperanto-Grupo de Reĝokalabrja (itale Reggio Calabria) invitas ĉiujn esperantistojn partopreni internacian ferio-semajnon dum venonta julio ĉe la plej belaj mediteraneaj strandoj. Reĝokalabrja estas urbo situante ĉe la suda pinto de kontinenta Italujo antaù la insulo Sicilio. En ĝi aktivas jam kelkajn jarojn Esperanto-Grupo, kiu nun lanĉas internaciskalan agadon. Ĝi celas, interalie, renkontigi eksterlandanojn kaj lokajn esperantistojn. Jen la ĉefaj informoj pri la ferio-semajno:

- ĝi okazos de la 14-a ĝis la 21-a de julio 1979.

Ekzistas ebleco resti pli longe laù apartaj interkonsentoj kun la organizanto.

- loĝado kaj manĝado kostos po 10.000 italajn lirojn tage (se oni loĝos en du-persona ĉambro aù en kvar-persona bangalo) aù po 12.000 italajn lirojn tage (se oni loĝos en unu-persona ĉambro).
- aliĝkotizo: 10.000 italaj liroj.

Apartaj interkonsentoj por landoj kun transpagaj malfacilaĵoj.

- la programo antaùvidas sunajn-marajn

banojn. Debatoj kun lokaj esperantistoj, ekskursoj tra Kalabrio kaj Sicilio, kromaj distradoj estos aranĝataj laŭ deziro de la partoprenantoj (kompreneble ĉiuj elspezoj pri ekskursoj ktp. estos surloke pagataj de la partoprenantoj).
- informojn donas kaj aliĝojn akceptas (ĝis la 10-a de aprilo 1979-a): Fiume Domenico, via San Francesco 86-D, I-89051 Archi (Reggio Calabria) Italujo - Telefono: 0965-48072.

---

## 20-a JUBILEA I.F.E.S. EN MARIA ALM

La 20-a Jubilea I.F.E.S. (Internacia Fervojista Esperanto Skisemajno) okazis denove en Aŭstrio, en pitoreska loko: Hintermoos (ĉe Maria Alm), de la 17-a ĝis la 24-a de marto 1979-a.
Nia Fervojista Skisemajno estas pli ol plenaĝa: ekde la jam malproksima jaro 1963-a, kiam kolego Geroldinger kuraĝe organizis la 1-an I.F.E.S. en Landeck, pasis ĝuste 17 jaroj.
La frata kaj familia etoso de la aranĝo ni rimarkis jam sabate kiam ni ĉiuj bonvenigis unu la alian je la alveno kaj dum la interkona vespero. Ĉiutage la gepartoprenantoj skiis aŭ promenis, sub la brila suno kiu akonpanis nin dum la tuta semajno.
La abunda kaj bongusta manĝaĵo kompletigis la allogaĵon de la belega natura peizaĝo kaj de la porskii instalaĵoj. Ĉiutage okazis skikursoj kaj vespere en tia ĉiama varma familia medio okazis diversaj prezentadoj. Lunde per belegaj koloraj diapozitivoj ni travivis la lastajn skisemajnojn. Marde kunigis ĉiujn la teatra vespero dum kiu, la gejunuloj de la Pariza Grupo, ludis memprepritan teatraĵeton kun dancoj, akompanataj de la belega dolĉa voĉo de Anni Wiesmann. Merkrede ni same ĝuis revidi nin per filmoj kies lasta estis tre amuza kaj komika. Tamen la plej interesa vespero kaj vere amuzega estis la karnavala kiu okazis dimanĉe. Preskaŭ ĉiuj gepartoprenantoj estis maskitaj, kelkaj el ili tiel bone ke oni ne rekonis ĝis la fino, kiam ili deprenis la maskojn. Oni dancis ĝis preskaŭ matene kun bonega moderna orkestro. La belajn premiojn, kiel unua la bela arĝenta ŝildo donita de D.L.F. de Bologna, gajnis: Charlie Chaplin (Gerard Hern), Ĉina geparo (Gear kaj Annemicke Engeländer), Maljuna sinjorino (Ginette Biseray), Ŝejko (Johann Scharf), Horloĝo (Martine Horn), Skoto (Kleber Sylvestre).
Merkrede okazis la neforgesebla tuttaga ekskurso al Kaprun kaj Kitzsteinhern monto. Ni atingis, post aŭtobusa vojaĝo, la piedoj de la monto kaj poste per ĉarma ŝnurfervoja vagonareto la stacion de la kablo-vojo kiu kondukis nin ĉe la pinto de la monto (je 3.029 m.). De tie per longa tunelo tra la roko ni atingis la alian flankon de la monto de kie, sur ventega sed tre suna teraso, ni ĝuis la panoramon kun la masivo de Grossglockner en la fono.
La plej lertaj skiantoj malsuprenir is ĝis la valo laŭlonge de la neĝkovritaj deklivoj striataj per bonegaj skivojoj.
Ĵaŭdo okazis la skikonkurso por komencantoj. Multaj faloj amuzigis la spektantojn. Gajnis la premiojn: Fritz Lautenbach, Friedrich Hilpert, Mathias Stehl, Elisabeth Ritterspach, Astrid Birkbak.
Posttagmeze okazis la Esperanto-Konkurso kiu ŝanĝis la kutiman disvolviĝon. La unuan fojon, la organizantoj eksperimentis, bonsukcese, la konkurson en formo de skribaj kvizoj. Gajnis ĝin Delvina Gimelli, Jovan Mirkovic' kaj Joachim Schrapp.
Vendrede okazis la skikonkursoj por spertuloj (viroj kaj virinoj) kaj posttagmeze tiu de "longdistanculoj" (tiuj kiuj skias per mallarĝaj plilongaj skioj sur ebena tereno (itallingve "Sci di fondo"). La spektantoj voĉe, kaj eĉ per fajfilo kuraĝigis la gepartoprenantojn. Gajnis la finajn premiojn, kalkulante ankaŭ la Esperantan konkurson: viroj: Jovan Mirkovic', Johann Scharf, Egon Kiefer, Jean Mevel kaj Horst Schickschneit; virinoj: Irmgard Schickschneit, Rosemarie Eggenhefer, Susanne Quietensky, Astrid Bi

rkbak kaj Annie Mevel. En la longdistanca konkurso gajnis la unuajn postenojn: Goar Engeländer, Johann Wieshofer, Gerard Horn, Annie Mevel kaj Arlette Frangeul. Posttagmeze okazis la premiado kiu kontentigis ĉiujn pro la abundaj kaj belegaj pokaloj kaj premioj. Vespere la senlacaj organizantoj: Walter Huber kaj Franz Scharf rezervis al ni simpatian surprizon: per apartaj aùtobusoj oni kondukis nin en Maria Alm kie, en Hotelo Eder, ni ĝuis belegan folkloran vesperon, fare de bonega Tirola Grupo kiu per kantoj, dancoj kaj muzikoj de diversaj instrumentoj (inter kiuj tiuj longaj pipoj karakterizaj de la Alpaj Regionoj), allogis nin dum pli ol du horoj.
Sabate adiaùa tago. Ekde frumatene komenciĝis la forveturoj akompanataj de la ĉirkaùbrakoj de ni ĉiuj kun la vortoj "Ĝis la revido dum la venonta ski semajno en Plan Val Gardena".

---

## 21-a I.F.E.S. EN PLAN VAL GARDENA

La venonta IFES okazos en Plan Val Gardena ĉe "Casa Alpina del D.L.F. di Bologna", de la 26-a de januaro ĝis la 2-a de februaro 1980.
Plan Val Gardena (Bolzano - Italio) situas je la piedoj de la Dolomitoj je alteco de 1.600 metroj kaj estas parto de Selva Val Gardena.
21-a IFES-n organizas IFEA, via D. Creti n-ro 61 - I 40128 - ITALIO al kiu vi povas mendi informojn kaj la aliĝilojn.

---

## ITALA KONGRESO DE ESPERANTO

Kiel konate, la 50-a Itala Esperanto-Kongreso okazos en Venecio (25-30/8) kaj en Jesolo (31/8-4/9/1979).
La temo de la Kongreso estas: "Esperanto kaj Eùropo".
Jen la provizora programo:
Sa.25/8 10h: Malfermo de la akceptejo (ĉe D.L.F.-Venecia Fervojista Postlaborejo) kaj gazetara, radia, televida konferenco; 17h: Renkonto kun lokaj kaj parlamentaj Aùtoritatuloj; 20h: Interkona vespero;
Di.26/8 8h30: Diservo; 10h: Solena malfermo de la Kongrso; 15h: Plenkunsido de Itala Esperanto-Federacio (I.E.F.) kaj voĉdonadoj;
Lu.27/8 8h30: Daùrigado de voĉdonadoj kaj kunvenoj: Estraro de Itala Esperanto-Instituto, IFEA, SEL; 10h: Plenkunsido de IEI; 15h: Kunveno de Esperanto-Grupoj kaj voĉdonadrezultoj; 20h30: Ludvespero (balo,ktp) ĉe la DLF-teatro;
Ma.28/8 8h30: Kunvenoj: UECI, MEL, LIBE, ILEI kaj aliaj; 15h Vizito al monumentoj, muzeoj, ktp; 20h30:Folklora vespero;
Me.29/8 8h30: Kunvenoj: ILERA kaj aliaj; 9h30: Konferenco pri Eùropa Esperanto-Federacio; 15h: Eventualaĵoj aù urbvizitado; 17h: Konferenco kaj publika debato pri "Dialekto, Nacia kaj Internacia Lingvo"; 20h30: Arta vespero;
Ĵa.30/8 9h30: IEF-Konsultadoj; 16h: Kunveno de la nova IEF-Konsilantaro; 17h: Risolucioj kaj konkludoj de la Kongreso;
Ve.31/8 10h: Forveturo al Jesolo per motorboato aù aùtobuso; 15h: Ekskurso;
Sa.1/9 16h: Mallonga ekskurso; 18h: Konferenco pri "Esperanto en la nova Komunumo Alpe-Adria (kulturo, turismo, komerco, industrio, artmetiismo, terkulturo);
Di.2/9: "Historia Regato" en Venecio;
Lu.3/9 16h: Ekskurso kaj resolucioj;
Ma.4/9 kaj sekvantaj tagoj: eventuala privata restado en Jesolo por sinbani mare kaj sune.
Ĝis revido al ĉiuj. La 50-a Itala Esperanto-Kongreso atendas vin!

---

## NOVA ESPERANTO-GRUPO EN MANFREDONIA

En la antikva kaj nobla urbo de Manfredonia, provinco de Foĝja (itale Foggia) en la tero Gargano, regiono Pulja (itale Puglia), multaj samideanoj ĉeestis okaze de la fondiĝo de nova loka Esperanto-Grupo.
Al la organizantoj bonsukcesan laboron, kaj prosperu Esperanto!

---

**I. F. E. A.**




**ASSOCIAZIONE ITALIANA FERROVIERI ESPERANTISTI**

Aderente alla INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO FEDERACIO (I. F. E. F.):
alla UNIVERSALA ESPERANTO ASOCIO (U. E. A.) - ROTTERDAM (Membro consultivo dell'UNESCO 1954)
e alla FEDERAZIONE ESPERANTISTA ITALIANA (F. E. I.) - (Ente Morale 1956)

Sede Centrale: Dopolavoro Ferroviario Bologna (Italujo)





# Informal Bulteno

ITALA FERVOJISTA ESPERANTO - ASOCIO

# ITALA FERVOJISTO


REDAKTEJO: 40128 Bologna - Via Donato Creti N. 61 - Tel. 359.071


STAMPE